Esperanto HAMBURG



n-ro 1/91
Feb./Apr.
1991

Esperanto, Klaus-Groth-Straße 95,
W-2000 Hamburg 26, Tel. 0 40 / 2 50 30 65

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.
kaj Hamburga Esperanto-Junularo
(Landa Ligo de Germana Esperanto-Junularo).

Radaktoro: Benno Klehr, Oelkersallee 31,
W-2000 Hamburg 50, Tel.: 0 40 / 43 51 97
Konto de HES: Poŝtĝiro Hamburg
(BLZ 200 100 20) n-ro 173 22 - 207

# Gretel Zerbe naúdek-jara

Hamburg - Gretel Zerbe naskiĝis la 5-an de januaro 1901 kaj nun fariĝis naúdek-jara. En 1953 ŝi lernis Esperanton en intensa kurso en Hustedt apud Celle.
Ek de tiam ŝi estas membro de Hamburga Esperanto-Societo. Baldaú poste ŝi fariĝis protokolantino de la klubo, ĉar August Weide opiniis ke ŝi jam estis sufiĉe progresinta.
Tiun oficon ŝi havis ek de tiam dum 15 jaroj. Multajn kongresojn kaj renkontiĝojn ŝi vizitis en diversaj kontinentoj, kaj speciale bonajn rilatojn ŝi havas al Svedio.
Al la naskiĝfesto venis Esperanto-amikoj kaj reprezentantoj de distrikto kaj senato por gratuli.

**Ni ankaú gratulas kaj deziras sanon!**

## Enhavo





# El la redakcio

## Ni pri ni

Venis al ni kelkaj proponoj kaj atentigoj pri Esperanto Hamburg 6/90. Bedaŭrinde ni nur konstatis post la presado, ke ni uzis malĝustan kliŝon por la titolo (el eksperimenta stato). Pro tio ĝi ne estas kompleta.

La proponon, nomi nian bultenon *Esperanto in Hamburg* laŭ la ekzemplo de *Esperanto in Niedersachsen* aŭ *Esperanto en Bavario* ni ne volas akcepti:

1e, la "marko" *Esperanto Hamburg* jam ekzistas pli longe ol aliaj *Esperanto en....*

2e, *Esperanto Hamburg* estas pli facile uzebla ol dulingva titolo (en/in).
– Pri tio cerbumu Bavaroj! –

3e, *Esperanto en Hamburg* ne estus preciza nomo, sed *Esperanto en, apud kaj ĉirkaŭ Hamburg* - iom longa titolo, ĉu ne?

4e, dum la pasintaj jaroj la *Informilo* ĉiam estis malferma al en- kaj eksterlandaj temoj, kiuj povus interesi la legantojn.

5e, konforme al la 1400jara historio de nia libera urbo, ni estas tiom liberalaj, permesi al ni, mem decidi – laŭ la konata kanto pri la tri Hamburgaj riveroj, Alster, Elbe kaj Bille:

"An de Alster, an de Elbe, an de Bill' –
da kann jeder eener maken, wat he will!"

## Psikopato respondas

**Hamburgo.** La kluba Informilo havas novan belaspektan veston. Gratulon. Sed en la redaktistaro ŝajnas esti iu psikopato. Li "Esperantigis" Germanajn urbonomojn "laŭ la maniero de Rikardo Ŝulco", kiel li asertas. Ekzemple el *Berlin* fariĝis "Urseto", el *Magdeburg* "Servistinkastelo". Mi trovas tion ne sprita, sed forte kaj naŭze moka. Aliaj artikoloj en *Esperanto Hamburg* estas signitaj per la aŭtoronomo, tiu ĉi artikolo ne. **Ni demandas al *Benno Klehr*, la redaktiston de la bulteno: Kiu estas la verkinto de tiu abomeninda artikolo, kiu nete misfamigas profesoron ŜULCO Rikardo, en vere kondamninda maniero?!**

Amrojo; Herzberg/Hercmonto aŭ eĉ Kormonto; Heinzendorf/Hajncenvilaĝo; Stolzenfels/Ŝtolcenroko; Schweinfurt/Ŝvajnvadejo aŭ eĉ Porkovadejo; Hildesheim/Hildeshejmo; Holzkirchen/ Holckirko aŭ eĉ Lignokirko; Rheinland/Rejnlando; Walchensee/Val-

Ĉiam denove paroli pri tiuj Esperantigoj estas ne necesa penado kaj perdo de tempo. Ili apartenas al la granda trezoro de la propraj nomoj en Esperanto. Oni devus pligrandigi tiun trezoron, ne problemigi ĝin. Kio hodiaŭ ŝajnas monstra, morgaŭ estos kutima. Tio eble validas ankaŭ por la listo, kiun mi nun estas sekvigonta. Ĝi enhavas la nomojn priparolitajn de d-ro *Solzbacher*, sed ne troviĝantajn en PIV: Ĉeltenamo (Cheltenham); Ĉemara Gastejo (Albergo della Marina); Ĉeriza Aleo (Cherry Avenue); Ĉetenugaj Tempoj (Chattanooga Times); Dimojno (Des Moines); Ĝeksonaj Altaĵoj (Jackson Heights); Heĉjo Ĉelservisto (Harry Butler);

En Novembro 1990 ni ricevis la *Specialan Cirkuleron 59* de la Esperanto-Centro en Paderborn. Sur paĝo 25 troviĝas la supra artikolo pri *Esperanto Hamburg.* La du eltiraĵoj maldekstre estas originalaj tekstoj de Richard Schulz, el la libro »PLEDO por unueca lingvo« (Esperanto-Centro Paderborn, 1985), paĝoj 136 kaj 169.
**Nun mi demandas min, kial "Servistinkastelo" estas kondamninda kaj "Lignokirko" estas imitinda bona Esperanto.** *Benno Klehr*



# El nia klubo

## Bedaŭrinde

Konate el la pasintaj jaroj, vi verŝajne atendas ĝojajn paskodezirojn – sed ĉi-jare la monda situacio postulas, ne agi tiel.
La milito - pri kiu neniu momente scias kiel ĝi finos – kaj la malcerteco pri Sovetunio estas du gravaj kaŭzoj por reflekti niajn vivcirkonstancojn. Mi kredas, ke tiu situacio montras al ni, kiom rapide la vivcirkonstancoj povas ŝanĝiĝi kaj ni estu dankemaj, ke ni povas vivi pli libere kaj pace.

*Gerd Tigges*

## Ekzameno

Sabaton, la 16-an de Februaro 1991 je la 10a horo okazos kursfina ekzameno en la domo de Hamburga Esperanto-Societo, laŭ la regularo de Germana Esperanto-Instituto.

## Plej lasta novaĵo

En popola enketo en Bavario, antaŭ kelkaj tagoj, unu demando estis:
"Ĉu vi scias, kiun novan aŭto-signon havas la urbo Meißen?" 99% de la demanditoj ĝuste respondis "ja, MEI - !"

*Benno Klehr*



WEITER-
BILDUNG
HAMBURG

La 2a Inform-Borso por klerigado okazos de 19a ĝis 21a de Aprilo 1991 en ekspoziciejoj (Messehallen).
Malgranda stando ankaŭ informos pri Esperanto tie. Elsbeth Bormann aranĝis kaj organizos la prezentadon.

## Invito

**Hella Lanka** invitas festi kun ŝi naskiĝdatrevenon la 10an de Februaro 1991 ek de la 16a horo en la klubejo de HES.

## Invito

**Friedel Kogel** fariĝos 80jara la 3an de Marto 1991. Por festi tiun daton ŝi invitas al vesper-manĝo en la HES-klubejo la 7an de Marto je la 19a horo. Bonvolu ne alporti florojn, ĉar la loĝejo de Friedel estas tro malgranda (memoru, ke ŝi ŝatas vojaĝi!).

## Ni gratulas

al Vesna Staničič-Burchards kaj Eckhard Burchards pro ilia 10jara edzeco, kiun ili povas festi la 21.02.91.

## Keglado

**La venontaj datoj:**
15.02.91 ★ 15.03.91 ★ 12.04.91
Informoj ĉe Elsbeth Wielgus.

Hamburga Esperanto-Societo r. a.

# El nia klubo



# Jarĉefkunveno 1991

Invito al la jarĉefkunveno
de Hamburga Esperanto Societo r. a.
la **28an de Februaro 1991** je la **20:00 h** en la klubejo.

Tagordo:

1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Raporto de la revizoroj
4. Raporto de la konsilantaro
5. Senŝarĝigo de la estraro
6. Decido pri buĝeto kaj kotizoj
7. Planoj por la nova jaro
8. Diversaĵoj

*Benno Klehr, prezidanto*

# Anneliese Bepperling
# 13.03.19 - 11.11.90



Ni funebras pri multjara membro.
En la prizorgado de handikapuloj ŝi estis aktiva ĝis la lasta tago.
Kiel fervora samideanino ŝi ne forgesis la Hamburgan Esperanto-Societon en sia testamento.

*La estraro*

Wir trauern um ein langjähriges Mitglied.
Bis zum letzten Tag war sie aktiv in der Betreuung Behinderter.
Dem Esperanto stets verbunden, bedachte sie den Esperanto-Verein Hamburg in ihrem Testament.

*Der Vorstand*



# El la universitato

## Esperanto-instruado en la universitato de Hamburgo

Sub la titolo "Esperanto – Struktur, Theorie und Praxis einer Plansprache" komenciĝis nova Esperantokurso dum la vintra semestro 1990/91 ĉe la Hamburga universitato. La fakultatestro pri lingvistiko konfirmis (per speciala deĵorkontrakto) HES-membron *prof. d-ro Rüdiger Sachs* kiel komisiiton por la instruado de Esperanto, kaj la lingva fakultato eĉ disponigis prelegejon en la tielnomata "filozofo-turo" (t. e. la plej alta konstruaĵo sur la universitata tereno kaj la centro por la studado de prilingvistikaj fakoj). Aliĝis ok gestudentoj el la fakultatoj de – inter alie – ĝenerala lingvistiko, romanistiko, edukoscienco, politiko/historio, informatiko kaj esplorado pri lingvoinstruado. *Rüdiger*

---

## 7-a StuTS en Hamburgo: 21. - 25.11.1990

*StuTS (= **Stu**dentische **T**agung **S**prachwissenschaften/studenta kunveno lingvistiko)* estas ĉiusemestra tutlanda kunveno de studentoj pri lingvistiko. Celo de StuTS estas inform-interŝanĝo pri la evoluo de diversaj lingvistikaj branĉoj en Germanaj universitatoj kaj pri temoj, kiujn la regula universitata studoplano kutime neglektas (ekz. lingvo kaj socio, lingvopolitiko, minoritataj kaj bazaj lingvoj, instruado per lingvoludoj, lingvofilozofio ktp.). Tiuj temoj estas traktataj en laborgrupoj aŭ en plenkunsidaj diskutoj.

Dum la tiusemestra StuTS, kiu okazis en Hamburgo, S-ro *Manfred Sailer* el *Tübingen* kune kun S-ro *Wolfram Diestel* el *Leipzig* (kiuj ja ambaŭ estis gastoj en la klubejo je la 22-a de Novembro, dum la ĉiusemajna ĵaŭda HES-kunveno) ofertis en la kadro de la sekcio "Interlingvistiko" prelegon pri bazaj lingvoj ĝenerale kaj du 2-horajn kursojn pri Esperanto speciale. Je la kursoj ĉeestis proksimume po 15 gestudentoj. La fakultato pri lingvistiko de la Hamburga universitato disponigis prelegejojn kaj kursejojn por StuTS en la "filozofo-turo". *Rüdiger Sachs*

# El aliaj landoj

## Kultura Esperanto-Domo Gresillon, Francio – Kulturaj aranĝoj 1991

**27.04.-04.05. - Praktika Formado de Esperanto-Instruantoj** prezento de diversaj instrumetodoj; teoriaj kaj praktikaj kunsiloj; **Samtempe: Internacia Renkonto de Infanoj.** Kursoj, promenadoj, distroj; ★**17.-30.06. - Internacia Amika Renkonto** Nedeviga programo, gvidata konversacio, komunaj promenadoj, ekskursoj, distraj vesperoj; ★ **01.-08.07. - Seminario por Ĉe-Instruado (sem. A)** Kurso por komencantoj, praktikado de la lingvo, ekskursoj, distraj vesperoj; ★ **09.-22.07. - Prelegoj kaj kursoj (omaĝe al Baghy kaj Kalocsay)** "La historio de Eŭropo tra la verkoj de Baghy kaj Kalocsay", aliaj diverstemaj prelegoj, kurso por diverslingva lernantaro; gvidataj konversacioj, ekskursoj, distraj vesperoj; ★ **23.07.-05.08. - La arto traduki: lernu kaj praktiku (I)** Kursoj por diverslingva lernantaro; gvidataj konversacioj, ekskursoj, distraj vesperoj, "La arto traduki": G. Lagrange (unu semajno) ★**06.-19.08. - Lernu kaj praktiku (II)** Kursoj por diverslingva lernantaro, gvidataj konversacioj, ekskursoj, distraj vesperoj; ★ **20.08.-2.09. - Somerfina lernejo** Kursoj por diverslingvaj lernantoj; gvidataj konversacioj, ekskursoj, distroj.

## Verda Ŝakolimpiko

La 3-a Verda Ŝakolimpiko okazos de la 5-a ĝis la 14-a de julio 1991, en Podebrady, Ĉeĥoslovakio. Krom la ŝakprogramoj, estos ankaŭ du danc- kaj kulturvesperoj, aŭtobusaj ekskursoj al Prago kaj Ĉeĥa Paradizo. k. s. Inf.: **Vaclav Stépánek, Macurova 16, CS-143 00 Praha.**

## Esperanto-Instituto "Isaj Dratwer"

Ekde januaro, en la domo, kiun ELI (Esperanto-Ligo de Israelo) heredis de ges-roj Dratwer, funkcias Esperanto-Instituto je la nomo de Isaj Dratwer. Ĝi okupiĝas pri eldonado, instruado kaj informado; gvidas ĝin Josef Murŝan. Adreso: **str. Ĥelmit 16/23, Jaffa (Tel-Aviv), Israelo.**

## SAT-Amikara-Kongreso 1991

Vi jam povas noti, ke ĝi okazos apud Amboise (Francio), dum Paska semajnfino. La kongresa temo estos: "Loire (Lŭaro), protektenda sovaĝa riverego, ne estas limo, sed kultura kerno"; kaj la kongreso okazos en la regiono de Loire-kasteloj; la temo estis elektita pro la minaco al la sovaĝeco de Loire, pro baraĵaj projektoj.

## Konstanta lernejo

Simile kiel en antaŭaj jaroj, ankaŭ en 1991 en Bydgoszcz (Pollando) funkcios dum la tuta jaro Konstanta Internacia Esperanto-Lernejo. 50 semajnaj kursoj okazos de la 6a de Januaro ĝis la 22a de Decembro 1991. La kompleta kosto: 200 gld. 50 % rabaton ĝuas gvidanto de minimume 10-persona grupo, 100 % de 20-persona. Inf: Esperantotur, ul. M. Sklodowskiej-Curie 10, PL–85–094 Bydgoszcz, Pollando.

## Brita Esperanto-Kongreso 1991

La 75a Brita Kongreso de Esperanto okazos de la 29a de Marto ĝis la 1a de Aprilo 1991 en Morecambe Bay. Inf. Josie Maddock, 37 Bonds Lane, Garstang, Lancs. PR3 1ZB.

## Skolto '91

Skolta Esperanto-Ligo aranĝas internacian tendaron "Skolto '91". Ĉe la Beskida montaro en suda Pollando, de la 2a - 11a de Julio: ĝi konsistos el 7-taga kunloĝado kaj 3-taga ekskursado al Krakovo, Aŭŝvico kaj Ĉenstoĥovo. Kursoj por komencantoj (ekde 15 jaroj). Inf: Georgo Handzlik, ul. Braterska 41, PL-43-346 Bielsko-Biala.

# Nia terura krucvort-enigmo

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
| 12 | | | | 13 | | 14 | | | | |
| 15 | | | 16 | 17 | | | | 18 | | |
| 19 | | 20 | | | | | | | 21 | |
| 22 | | 23 | 24 | 25 | | | | | | |
| 26 | 27 | | | | | | | 28 | 29 | 30 |
| 31 | | | | | | | | | | |
| 32 | | | | | 33 | | 34 | | 35 | |
| 36 | 37 | | | | 38 | | | | | 39 |
| 40 | | 41 | | 42 | | 43 | | | | |

**Horizontale:**

**1.** Familiano de studado. **10.** Kontrola orgado (mll). **12.** Ĝi tenas fermita, eĉ se ne ŝlosita. **14.** Ne Esperanta sekso. **15.** Legomo en estrar-raporto. **17.** Fluida Hinda ŝtat'. **18.** Diesa Re. **19.** Antaŭ en kaj el degren' kaj nuks'. **20.** Iom futura, iom grupa lago kaj ŝtato en Ameriko. **21.** Per ĝi 36-horizontale fariĝas kontinento. **22.** Unufoje dum la jar' estas paca kaj sankta ĝi. **25.** Bela cigno, kiel infano nomita malbela tiu. **26.** Popolara scienco. **29.** Arkta spektraliga gazeto (mll). **31.** Tie en Ameriko la urbestro daŭre mensogas pri polucio. **32.** Valordona farb'. **33.** Sen scio kontrakti. **36.** Sableca virnomo. **38.** Libroforma enloĝant' de Eŭropa ĉefurbo. **39.** Ho, mia kor' ne batu, subtegmente. **40.** Rapida strikta maŝo. **42.** Floro ĉarma sed malvarma.

**Vertikale:**

**1.** Tiuloke agas plataj aktoroj. **2.** Por 18-horizontale ĝi estas nigra. **3.** Ĝi tenas per la dentoj la pantalonon. **4.** Jen malel, jen aliel. **5.** Por manĝi ostrojn, elektu monaton kun ĝi. **6.** Sindikato laŭ Itala maniero. **7.** Ĉina supo per ĝi dikiĝas. **8.** Malekofici. **9.** Trovu ĝin surkape en akvo aŭ etero. **10.** Ŝi sciis ke virojn oni ligu per longa ŝnuro. **11.** Orienta universo. **13.** Listiga libro por venigi doman beston. **16.** Kalkulante per modulo tiu sufiks' ne necesas. **23.** Tion faras bakisto por perdi agresemon. **24.** Muzika medikamento. **27.** Peza kaj senfina. **28.** Vetera koler'. **30.** Amatino de Eroso. **31.** Estas bone, en franca kaj germana grund'. **34.** Tia diro tranĉita en tilia ŝelo. **35.** Mallongigo kun knala efiko. **37.** En Greka 17, en Esperanto 21. **41.** En gastejo kun ĝi eliro fariĝas danĝera. **42.** 27-vertikale oble 10 alta -6 (mll). **43.** Majstra inicialo.



Klubejo malfermita ĵaŭde ek de 19.00 h, programo ek de 20.00 h / Klubhaus donnerstags ab 19.00 Uhr geöffnet, ab 20.00 Uhr Programm

# Nia Programo

## Februaro 1991

| | |
|---|---|
| 7 | Literatura Vespero: Hannelore Meinßen |
| 9 | *Studrondo (14:00 h) R. Sachs venos kun studentoj* |
| 14 | **Klubejo fermita pro Sabata festo!** |
| 16 | Kostumfesto (20:00 h) |
| 21 | Radio-Vespero (Vidu pagon 10!) |
| 23 | *Studrondo (14:00 h) Constant kaj Karin el Buchholz: pri la semajno de intern. amikeco kaj Eŭropo-kvizo* |
| 28 | Jarĉefkunveno 1991 de Hamburga Esperanto-Societo r. a. |

## Marto 1991

| | |
|---|---|
| 7 | Literatura Vespero: Hannelore Brunow: Rakontoj de Kyber (tradukitaj de Jupp Kühnel) |
| 9 | *Studrondo (14:00 h) Bruno Lehmann* |
| 14 | Letera Vespero: Ni legas leterojn kaj grupe respondas aŭ sendas salutkartojn al amikoj |
| 21 | Jupp Kühnel: Traduko de poezio |
| 23 | *Studrondo (14:00 h)* |
| 28 | Ovo-Kunveno Hans Schütt: Diapozitivoj pri mia Naskiĝurbo Stralsund |
| 31 | |

## Aprilo 1991

| | |
|---|---|
| 4 | Literatura Vespero |
| 6 | *Studrondo (14:00 h)* **Redaktofino bulteno 02/91** |
| 11 | Ni rigardas video-filmon pri la UK-urbo Bergen |
| 18 | Walter Kahlert: Diapozitivoj pri Bad Tölz |
| 20 | *Studrondo (14:00 h)* |
| 25 | Rüdiger Sachs: *Maks kaj Morits* - pri librorecenzoj kaj aliaj bubaĵoj |

# GEA aú EAG – tio estas la demando!

Post la unuiĝo de Germanio, nun ankaú la du Esperanto-asocioj fariĝu unu. Bone, tio okazos en München dum la kongreso. Estas klare, ke en unu lando ekzistu nur unu landa asocio, kaj orientaj kaj okcidentaj Germanoj volas tion. Ankaú mi ĝojas pri tio. Nun mi aúdis, ke en la estraro de GEA ekzistas strebadoj, ŝanĝi la nomon de la tutgermana asocio al "Esperanto-Asocio de Germanio" / "Esperanto-Bund Deutschlands", por montri, ke nun ekzistas io nova. Tutgermana asocio ne estas io nova, sed ĝuste Germana Esperanto-Asocio de post 1909 estis "la" asocio en tuta Germanio. Tiun historian signifon ne ŝanĝas la fakto, ke la orientaj Germanoj post la milito ne plu rajtis kunlabori en komuna asocio. Ili nur povis aktivi en orienta asocio – kaj ili bone laboris; pri tio neniu dubas. Nun la orientaj Germanoj revenas al la komuna asocio.

**Tio ne estas kaúzo, forĵeti la tradician nomon GEA!**

*Elsbeth Wielgus*

# Novaj aútosignoj

Ek de 01.01.91 ekzistas novaj aútosignoj en orienta Germanio. Pro manko de spaco jen nur de kelkaj grandaj kaj nordaj urboj:

| | |
|---|---|
| ANG | Angermünde |
| ANK | Anklam |
| AT | Altentreptow |
| B | Berlin |
| BRB | Brandenburg |
| BSK | Beeskow |
| BTF | Bitterfeld |
| BÜZ | Bützow |
| CH | Chemnitz |
| DBR | Bad Doberan |
| DD | Dresden |
| DM | Demmin |
| EDL | Quedlinburg |
| EF | Erfurt |
| EH | Eisenhüttenstadt |
| EW | Eberswalde |
| FF | Frankfurt/Oder |
| FUR | Querfurt |
| G | Gera |
| GA | Gardelegen |
| GDB | Gadebusch |
| GMN | Grimmen |
| GTH | Gotha |
| GÜ | Güstrow |
| GVM | Grevesmühlen |
| GW | Greifswald |
| HAL | Halle/Saale |
| HGN | Hagenow |
| HRO | Rostock |
| HST | Stralsund |
| HWI | Wismar |
| J | Jena |
| L | Leipzig |
| LBZ | Lübz |
| LWL | Ludwigslust |
| MC | Malchin |
| MD | Magdeburg |
| MEI | Meißen |
| NB | Neubrandenburg |
| NP | Neuruppin |
| NZ | Neustrelitz |
| OR | Oranienburg |
| P | Potsdam |
| PCH | Parchim |
| PER | Perleberg |
| PN | Pößneck |
| PZ | Prenzlau |
| RDG | Ribnitz-Damgarten |
| RN | Rathenow |
| RÜG | Rügen |
| SDL | Stendal |
| SDT | Schwedt |
| SEB | Sebnitz |
| SEE | Seelow |
| SN | Schwerin |
| SPB | Spremberg |
| TP | Templin |
| TW | Teterow |
| UEM | Ueckermünde |
| WB | Wittenberg |
| WE | Weimar |
| WK | Wittstock |
| WLG | Wolgast |
| WRN | Waren |

# Siemens

Laú la gazeto "Badische Neueste Nachrichten" de 29.11.90, la elektronika entrepreno Siemens havas Esperanto-Grupon, kiu prilaboras programadon de komputoroj pere de la Internacia Lingvo. Laú la dokumentadisto de Siemens *d-ro Rudolf Koppel* la konkurado de divers-naciaj entreprenoj estas malhelpata de lingvaj bariloj, kiujn oni volas mildigi per la uzado de Esperanto. Speciale en la rilatoj al ĉinaj partneroj oni vidas bonajn ŝancojn.

**Ni esperu, ke tio estu granda salto, ke Esperanto ricevu la eblecon, montri sian valoron en la internacia komerco!**

# Diversaj temoj

## Landa Ligo Hamburg de GEA

Invito al publika kunsido
de la Landa Ligo Hamburg de GEA,
la 2-an de Majo 1991, je la 20-a horo
en la domo de la Hamburga Esperanto-Societo.

*D-ro Werner Bormann, prezidanto*

## Esperanto en Radio



La 21an de Februaro 1991, je la 19a horo okazos la dua elsendo de la "Verda Stelo" kun la temo "Kio estas Esperanto?" (en germana lingvo) per la "Offener Kanal", UKW 96,0 MHz, kiun verkis **Irmgard Karst** kaj **Bodo Schneider**. Speciala gasto: **Elsbeth Bormann**. Ni aúskultu la elsendon en la HES-klubejo per la radio.

*Irmgard Karst*

## GIS

La Societo por Internacia Lingvo/ Gesellschaft für Internationale Sprache e. V. renkontiĝas ĉiun duan mardon monate je la 18:30 h en la Esperanto-domo, Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26, Tel.: 0 40 / 2 50 30 65.

## Solvo de la pasinta krucvort-enigmo

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| R | E | Ĝ | O | M | A | K | U | L | O |
| A | V | I | D | E | M | O | L | U | N |
| C | I | R | A | D | A | R | O | L | I |
| I | T | A | L | I | R | A | K | E | D |
| D | E | F | I | C | I | T | A | M | I |
| A | N | A | S | I | L | A | R | U | R |
| E | D | U | K | N | I | K | E | L | O |
| R | A | V | O | O | D | O | S | O | N |

# STUDRONDO de HES

Moto:
**Kia greno – tia pano**

## La Vorto "sia"

La 3-an de Novembro en la studrondo ni pritraktis la ĝustan aplikon de "sia" (ŝia, lia, ĝia). Kvankam ni kredis esti kaptintaj la regulojn, multaj el ni ofte malcertiĝis, kiam ni legis el la libro de Gbeglo Koffi "Mi vizitis grandan urbon", en kiu la aŭtoro komence al ni priskribis familion, kaj dum tio aperis tiom ofte "sia, lia, ŝia", ke ni la tutan posttagmezon estis okupitaj pri la koncernaj reguloj, kaj (erare) kredis, ke la aŭtoro mem ne aplikis ĝuste la regulojn. —
Ĉu eble kelkfoje ankaŭ Vi, kara leganto, havas malfacilaĵojn pri "sia". Tiam ni esperas, ke al ni, kiuj volas venki tiujn malfacilaĵojn, venos iam "perfektulo", kiu estas preta ekzerci la regulojn kun ni.

## Das Wort "sia"

Am 3. November behandelten wir in der Studrondo die richtige Anwendung von "sia" (ŝia, lia, ĝia). Obwohl wir glaubten, die Regeln erfaßt zu haben, wurden viele von uns oft unsicher, als wir aus dem Buch von Gbeglo Koffi "Mi vizitis grandan urbon" lasen, in dem der Autor uns anfangs eine Familie beschrieb und dabei so oft "sia, lia, ŝia" auftauchte, daß wir uns den ganzen Nachmittag mit den betreffenden Regeln befaßten, und (irrtümlicherweise) glaubten, daß der Autor selbst die Regeln nicht richtig angewandt hat. —
Vielleicht hast Du, lieber Leser, auch Schwierigkeiten mit "sia". Dann hoffen wir, daß zu uns, die diese Schwierigkeiten überwinden wollen, einmal ein "Perfekter" kommt, der bereit ist, die Regeln mit uns zu üben.

# La nova mikroonda fornelo



La studrondo donacis al la klubo mikroondan fornelon por malŝarĝi nian diligentan kuiristinon.
La monon ni kolektis dum unu jaro en niaj kunvenoj.

Felietono

# Mia speciala veturilo

STUDRONDO!

Altgrada miopeco ne permesis al mi, lerni veturi aútomobilon. Kaj en la aĝo de 55 jaroj miaj artikoj faris al mi grandajn dolorojn. Pro tio mia plej granda deziro estis: veturigebla submetaĵo! Mi serĉis kaj mi trovis. En la atendejo de kuracisto mi vidis gazeton pri elektraj veturiloj por malsanuloj. Fulmo tra mia cerbo! Ĉu tia veturilo povus esti por mi? Ĉu al ĉiu estas permesita uzi tian? La respondo de la kuracisto estis "ja". Kaj mia edzo aĉetis ĝin.

Sed kia sensacio en mia malgranda urbo Eŝwego, kie mi estis tre konata. "Kio okazis al Ketino? Kial ŝi havas veturilon por malsanuloj?"

Ankaú por mi la afero ne estis simpla. Komence mi ne atentis la unudirektan straton. Bonŝance neniu policisto vidis min. Ankaú la homoj respektis min, sed miris, kiam mi eliris. Estis ne facile, klarigi, ke ne ĉiam estas necese, esti paralizita por uzi tian veturilon. Unufoje granda milita kolono atendis pacience, ĝis mi veturis ĉirkaú la angulon. Estis iomete ĝene. Ankoraú pli ĝene estis, kiam unufoje mi vidis belan pomon sur la strato. Singarde mi eliris por levi ĝin. Kaj subite iu diris: "Pri tio mi miras, vi ja povas iri!"

Sed nun ĉiuj estas kutimiĝintaj pri tio, kaj mi havas nun veturilon ek de dek jaroj. Do iutage mi efektive altiris la atenton de minimume tridek aútomobiloj, kiuj hupis kiel freneze. Tio ne afliktis min, ĝis unu kolere saltis el sia aútomobilo kaj kriis: "Ĉu vi ne volas fine forpreni vian maldekstran direkt-indikilon?!" Preskaú mi falis el la veturilo. Tiom mi ektimis. Sed ne estis finite. Alveninte ĉe miaj amikoj en la ĝardeno, la dommastro superŝutis min per riproĉoj. Li estis akompaninta min dum la tuta tempo per sia biciklo, sed ne povis atentigi min pri mia eraro. Estis senutile, klarigi al li ke la direkt-indikil-butono estis tiom malgranda, ke oni povas facile pretervidi ĝin. Por puno mi ne ricevis kafon kaj kukon.

Bedaúrinde, ke la "akku" ne daúras de Eŝwego ĝis Hamburgo (350 km), ĉar mi veturas dufoje dum la monato al Hamburgo pro Esperanto, speciale pro la studrondo, kiu estas tre interesa, tre afabla, tre instrua en agrabla komuneco, kvankam mi lernis Esperanton nur en la aĝo de 80 jaroj, kaj nun mi havas 85 jarojn. Ankaú en tiu aĝo oni povas lerni tiun belan kaj facilan lingvon.

*de Katharina Zähler*





# Fervojistoj

Bundesbahn-Sozialwerk • Esperanto-Gruppe Hamburg
Der Beauftragte für den Bezirk Hamburg
Klaus Böhnke, Bahnhof, 2400 Lübeck, Basa 862/374
priv.: Matthäistr. 7, 2400 Lübeck, Tel.: 04 51 / 4 53 26

Ich möchte Sie wieder einladen zur Teilnahme an unseren Monatstreffen für das 1. Halbjahr 1991 an den nachfolgenden Terminen

**12. Januar ★ 9. Februar ★ 16. März**
**13. April ★ 8. Juni 1991**

Treffpunkt ist – wie bisher – um 10:00 h vor dem Fahrkartenschalter im Bahnhof Hamburg-Altona. Wir gehen dann zum Tagungsraum am Paul-Nevermann-Platz 10 a (Ausgang Ottenser Hauptstraße, gegenüber vom Schuhhaus Görtz).

Im Mai fällt das Treffen wegen des IFEF-Kongresses in der Tschechoslowakei aus.

Im Vordergrund dieser Treffen stehen der Informations- und Erfahrungsaustausch, die Sprachpflege und die Erörterung aktueller Themen. Auch Reiseberichte unserer Teilnehmer sind stets willkommen.

Mi volas denove inviti vin, partopreni niajn monatajn renkontiĝojn dum la unua jarduono 1991 je sekvontaj datoj:

**12a de Januaro ★ 9a de Februaro**
**16a de Marto**
**13a de Aprilo ★ 8a de Junio 1991**

Renkontiĝ-loko estas – kiel ĝis nun – je la 10a horo antaŭ la bilet-giĉeto en la stacio Hamburg-Altona. Ni iras de tie al la kunvenejo ĉe Paul-Nevermann-Platz 10 a (Elirejo Ottenser Hauptstraße, vid-al-vide de ŝuvendejo Görtz).

En Majo la rekontiĝo ne okazos pro la IFEF-Kongreso en Ĉeĥoslovakio.

La ĉefaj temoj estas interŝanĝo de informoj kaj spertoj, praktikado kaj diskutado pri aktualaj temoj. Ankaŭ vojaĝ-raportoj de partoprenantoj estas bonvenaj.



# El Meklenburgio

# 25jara jubileo en Schwerin

La Esperanto-Grupo de Schwerin festis la 26-an de januaro 1991 en la domo de la kulturligo, apud la bela lago Pfaffenteich (foto). Hamburga Esperanto-Societo gratulas kaj deziras prosperan estontan laboron!



**La venontaj datoj en Schwerin**

| | |
|---|---|
| 04.02.91 | Diapozitivoj de K. + E. Güse |
| 18.02.91 | Konversacio kun I. Gérard |
| 04.03.91 | Kanto- kaj ludo-vespero |
| 18.03.91 | Konversacio kun I. Gérard |

Loko: Domo de Kulturligo, H.-Matern-Str. 2
Tempo: 19.30 h, ĉiun 1-an kaj 3-an lundon.

Hamburga Esperanto-Junularo

Deutsche Esperanto-Jugend e. V.
Landesverband Hamburg

Alle Mitglieder der Hamburger Esperanto-Jugend, Deutsche Esperanto-Jugend e. V. – Landesverband Hamburg, sind eingeladen zur

# Jahreshauptversammlung

**am 27. Februar 1991**
**um 19.00 Uhr**
im Esperanto-Verein Hamburg,
Klaus-Groth-Straße 95
2000 Hamburg 26

## Tagesordnung:

1. Diskussion und Abstimmung über die Tagesordnung
2. Bericht des Vorstands
   - 2.1 Rückblick auf die Aktivitäten 1990
   - 2.2 Bericht des Kassierers
   - 2.3 Ausblick 1991
3. Diskussion über den Bericht des Vorstands
4. Entlastung des Vorstands
5. Wahl eines neuen Vorstands
6. Diverses

Hamburga Esperanto-Junularo

Deutsche Esperanto-Jugend e. V.
Landesverband Hamburg

# HEJ-Programo

La Hamburga Esperanto-Junularo renkontiĝas ĉiun duan merkredon. La kunvenoj komenciĝas je la 19a horo. Invitu viajn gastojn kunveni. Gastoj ĉiam bonvenas.

Die Hamburger Esperanto-Jugend trifft sich jeden zweiten Mittwoch um 19.00 Uhr. Bringt doch mal Eure Gäste mit, denn Gäste sind immer willkommen.

13a de februaro — Kinejo-Vespero / Kinoabend
ni iras al kinejo
wir gehen ins Kino

27a de februaro — HEJ-jarĉefkunveno
HEJ-Jahreshauptversammlung

**Bonvolu legi la inviton sur paĝo 15!**

13a de marto — Geburtstagsfete
Jürgen Wulff festas sian naskiĝtag-revenon

29a de marto **(vendredo!)** — Ekskurso / Ausflug (10.00 - 18.00 h)
Ni ekskursas al urbo en orienta Germanio, bonvolu informiĝi ĉe J. Wulff (tel. 0 40 / 6 56 06 59) pri detaloj.
Wir machen einen Ausflug nach Ostdeutschland. Weitere Informationen bei J. Wulff (Tel. 0 40 / 6 56 06 59).

10a de aprilo — Ludvespero / Spieleabend

Proponojn por la venonta programo volonte akceptas:
Vorschläge für das neue Programm nimmt entgegen:
**Jürgen Wulff, Bornkamp 12**
**2000 Hamburg 70, Tel. 0 40 / 6 56 06 59**